# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia


## La akso de la eŭropa paco



La rilatoj inter Germanujo kaj Francujo restas ankoraŭ nuntempe la akso de la eŭropa paco. De ili ja dependas la paco de la aliaj eŭropaj landoj. Tion sperte scias la diplomatoj kaj politikistoj. Tial la amikoj de vera paco devas ĉiuforte klopodi por plibonigi la rilatojn inter la ambaŭ popoloj. Ni jus diris: « inter la ambaŭ popoloj », ĉar ja tute ne sufiĉas amikaj rilatoj inter la ambaŭ registaraj eminentuloj, se gazetaro daŭre dissemas suspekton kaj malamon en la koron de la ambaŭ popoloj, se agitistoj ambaŭflanke povas instigi unun kontraŭ alia, nur por ilia profito. Kaj la plej efika pacilo estas senkaŝa konversacio publika pri la disigaj punktoj. El tia sincera interparolado rezultos interkonsento, se reciproka estimo kaj fine amikaj rilatoj.

Tiucela estas la letero de franca katoliko al germana katoliko, kiun publikigis lasttempe *Rhein-Mainische Volkzeitung*. La verkisto estas S-ro Robert d'Harcourt, kiu estas fame konata en Germanujo kaj Francujo pro lia paca spirito. Li partoprenis en la katolikaj konversacioj porpacaj de Berlin kaj Parizo. Oni do tute ne povas akuzi lin pri ŝovinismo.

Lia letero estas tre longa kaj en tiu mallonga artikolo ni tute ne povas represi ĝin tutan. Ni nur intencas havigi al niaj legantoj resumon tamen sufiĉan por ke ili havu ideon pri la nuntempa spirito ekzistanta en ambaŭ landoj.

Inter la mezklasa Germano kaj la mezklasa Franco ekzistas nun tragedia miskompreno, kiun kulpa gazetaro ĉiumaniere pli kaj pli infektas. Kiel aspektas Francujo por mezklasa Germano? Kiel senkora nacio, kiu akre postulas la pagon de la ŝuldoj, kiel turmentisto, kiu ĝuas la suferojn de lia viktimo, kiel avarulo, kiu timas pri la oro amasita en la kelo de lia domo dum lia najbaro malsate mortas, kiel la malbona riĉulo de la Evangelio, kiu festenas dum la malriĉulo mortas ĉe la sojlo de lia palaco. Kaj siavice kiel la mezklasa Franco vidas Germanujon? Li vidas ĝin kun kasko kaj botoj, lertan por kaŝi sub videbla pacifismo sian deziron al venĝemo, laŭte aklamantan la respublikon, sed kore bedaŭrantan la imperiestron. Li vidas ĝin ĉiam militista, pretan por nova milito.

Kiel trompiĝas la mezklasa Germano pri Francujo, tiel eraras la mezklasa Franco pri Germanujo. Tamen tiu ĉi trovas ŝajnajn fundamentojn de sia opinio pri Germanujo en la lastaj okazintaĵoj, kiujn fanfarone rakontis ŝovinista gazetaro. Germanaj jurnaloj de kelka tempo, eĉ katolikaj jurnaloj, ĉiuokaze insultas Francujon. Kaj S-ro d'Harcourt citas kelkajn dirojn, ekzemple de la *Schönere Zukunft* (marto 1931): « Ein Geist der Dürre und des Todes, ein ausdörrender Todeshauch geht von Frankreich aus: Senfruktiga kaj mortiga blovo venas de Francujo »; « Frankreich empfanden die Deutschen als den grossen Angreifer seit Jahrhunderten: Germanoj ĉiam rigardis Francujon kiel sia centjara malamiko »; « Frankreick gibt das angehäufte Gold mit einem Festungsgürtel aus Eisenbeton, schwerer Artillerie und Giftgazen um: Francujo ĉirkaŭas sian oramason per zono ferbetona, dika kanonaro kaj asfiksigaj gasoj. » Ĉu vi opinias, rimarkigas S-ro Robert d'Harcourt, ke tiaj diroj de katolika gazeto multe faciligos la amikiĝon de la ambaŭ popoloj? Certe ne! Kaj estas ankaŭ antaŭ la okuloj de la mezklasa Franco la bildoj de la naciistaj manifestadoj. Sendube kelkaj francaj jurnaloj parolis lasttempe pri « la minaca plendado de Germanujo pri sia malsato ». Kaj ĉiu bonkora Franco — kaj estas multaj tiaj — bedaŭras tiajn esprimojn. Plie, tiuj jurnaloj ne estas katolikaj.

Kiam oni estas antaŭ tia gazetara sintenado, oni komprenas la demandon jus faritan de la *Osservatore Romano*, pri tiuj, kiujn forportis puŝo de senlima naciismo malaprobata de la Eklezio. Ne per insultoj oni trafos interkonsenton kaj amikiĝon de Germanujo kaj Francujo. Ni devas ne esti dissemantoj de malamo, sed male de pli kaj pli granda amo inter la popoloj. Kaj la germanaj kaj francaj katolikoj, kiuj estas filoj de unu sama Patro kaj de unu sama Patrino, devas energie labori, por ke finfine okazu interkompreno, interkonsento, amikiĝo inter siaj ambaŭ landoj. Verŝajne ambaŭflanke estos farendaj foroferoj, sed kiam ili ŝajnos al ni malfacilaj, pezaj, ni pripensu ke de ili dependas la eŭropa paco, la feliĉo kaj prospero de multaj landoj kaj popoloj.

Georges Ramboux, *presbitero*.

## NIAJ ALTRANGAJ PROTEKTANTOJ



Lia Ĉefepiskopa Moŝto Grafo Julio Zichy de Zichy
el Kalocsa (Hungarujo)

« La altegan instruadon de Dia Feliĉiganto, disvastigon de la regno de Kristo-Reĝo subteni per ĉiuj rimedoj estas nia apostola devo! La lingvo Esperanto je la servo de tiu ĉi granda ideo estas treege utila. Pro tio ni sincere ĝin rekomendas al la fervoraj apostoloj de la Bona Afero kaj ni deziras benon riĉegan al ĝia sukcesplena disvastiĝo!

« Kalocsa, la 24 junio 1931. Grafo Zichy Gyula. »

## Kontrolo de la religiaj asocioj en Ĥinujo

La provinca registaro prizorgas nun la kontrolon kaj la reformon de ĉiuj religiaj asocioj.

Tio estas rajto, kiun oni ne povas rifuzi al la ĥinaj aŭtoritatoj; jam de longe ja multaj politikaj societoj, eĉ asocioj de rabistoj, pruntepreni religian titolon.

Sed krom tio ke Kristanismo jam klare montris kio ĝi estas, kaj ke sekve ne povas esti suspektoj pri ĝi, estas en la projektataj reguloj artikoloj tute neakcepteblaj, kiel ekzemple tiuj.

Art. 1. — Severe estas malpligrandigota la povo de la religiaj asocioj por malfermi lernejojn.

Art. 2. — Malpermesite estas ope aliĝi al religia asocio.

Art. 3. — Oni povas eniri religian asocion nur post sia plenrajtaĝeco.

Art. 7. — Ĉiu, kiu ne pruve montras siajn vivrimedojn, ne povas eniri religian asocion.

Art. 8. — La Komitato por Ĝenerala Sekureco, la polico kaj la Komitato de Popola Registaro devas akurate observi la internan disciplinon de la religiaj asocioj.

Art. 9. — La financoj de la religiaj asocioj estos severe kontrolataj, por ke ili ne estu fortirataj de ilia religia celo.

*(Pres-Agentejo « Fides ».)*

## Okaze de la Internacia Skolta Konferenco en Aŭstrujo

Skoltestroj kunvenis, fine de julio, en Baden, apud Wien (Aŭstrujo), por la Sesa Internacia Konferenco Skolta. En ĝi partoprenis 200 delegitoj el 30 nacioj.

Kompreneble ne estas loko en *Katolika Vivo* por detale raporti pri tiu konferenco speciala. Tamen ni ne volas, ne paroli pri kelkaj punktoj kaj okazajoj, kiuj de la katolika vidpunkto estas tre interesaj. Oni jam scias, ke se Skoltismo celas ĉiujn knabojn, ĉu katolikajn, ĉu ne-katolikajn, ĝi tamen baziĝas pli malpli sur religia fundamento, ĉar la principoj de la skolta leĝo estas la kredo en Dio, la amo al la proksimulo kaj



la amo al la patrujo. Tio klarigas, kial tiu movado [illegible] cesas. Skoltismo estas ankaŭ pac-movado, ĉar ĝi predikas reciprokan amon inter la diversnaciaj knaboj, kiuj estas ĉiuj fratoj.

La dimanĉon okazis solena meso speciala celebrita de Lia Kardinala Moŝto Piffl, ĉefepiskopo de Wien, en la ĉeesto de la Ĉefskolto Lord Baden Powell of Giwell kaj de la Respublika Prezidanto Miklas. Miloj da skoltoj ĉeestis kaj tutkore kantis religiajn kantikojn. Post la meso okazis paradmarŝo.

La saman tagon, tagmeze, la Kardinalo akceptis, en speciala aŭdienco, la riprezentantojn de la asocioj de katolikaj skoltoj. Lord Baden Powell ĉeestis la aŭdiencon, ĉar li mem petis, por ke li povu prezenti siajn respektplenajn salutojn al la eklezia eminentulo. Dum tiu kora akcepto Lia Eminenco Piffl diris: « Mi opinias, ke tiu movado baldaŭ okupos la unuan lokon inter la diversaj organizajoj de la katolika junularo. Ĝi estas la plej grava kaj la plej influa aganto de la modernaj societoj junulaj. En lia mesaĝo al la Sesa Internacia Skolta Konferenco, Lord Baden Powell inspiriĝis je la gaja kanto de la anĝeloj supre de Betlehmo: "Gloro al Dio en la ĉielo kaj paco al la bonvolaj homoj sur la tero." Gardu fidele tiun penson kaj iam vi povos havigi al la mondo tiun pacon al kiu ĝi sopiras. » La tutmonda ĉefskolto dankante diris, ke tiuj paroloj de Lia Kardinala Moŝto ne devas resti nur por la katolikaj skoltoj, sed ke ili devas esti sciigitaj de ĉiuj skoltoj en la mondo, por kiuj ili estos beno.

Skolto.

## La katolika gazetaro en Japanujo

Lasttempe okazis grava kongreso en Tokio, por decidi pri la katolikaj gazetoj en Japanujo.

Decidite estis la starigo de Centra Pres-Oficejo, kiu dissendos la informojn al la gazetoj kaj organizos korespondantojn en ĉiu grava urbo aŭ vilaĝo. Tiu Centra Oficejo eldonos bultenon latinlingve redaktitan: *Actio Missionaria*, kies unua numero jam eliris.

Oni decidis ankaŭ la fondon de ĉiusemajna grava jurnalo por tuta Japanujo; ĝia titolo estas *Nihon Katoriku Shimbu* (Japana Katolika Gazeto). Ĝia sidejo estas en Tokio.

## Grava doktrina malkonsento en la Anglikana Eklezio

Ekzistas nun granda disputo en la Anglikana Eklezio. Kaj la malkonsento, kiu disigas la anglikanan primaton de unu el siaj sufraganoj, ne estas nur kanonika disputo. Ĝi estas grava doktrina malkonsento. D-ro Lang el Canterbury kaj D-ro Barnes el Birmingham ja ne interkonsentas pri ĉefaj doktrinaj punktoj, kiel iliaj leteroj publikigaj tion pruvas.

La episkopo de Birmingham kalkulas en sia eparĥio 13 paroĥojn malkaŝe ribelantajn kontraŭ liaj direktivoj. La protestanta pastraro tie praktikas tion, kion oni nomas « piajoj », kaj kio konsistas el adorado de konsekritaj hostioj. Nu tiuspeca ceremonio kaj la konservado de hostioj en tabernaklo estas



R. D-ro Gordon Lang
Anglikana Primato

evidente kontraŭaj al la spirito de la Reformacio. La Parlamento rifuzis, antaŭ du jaroj, rajtigi tiujn praktikojn, malgraŭ la insistaj petoj de la plimulto de la anglikana episkoparo.

D-ro Barnes ne volis enoficigi anglo-katolikan pastron en la paroĥo Sankta-Aidan, ĉar tiu pastro obstine rifuzis promesi, ke li forigu tiujn nerajtigitajn « piaĵojn » el tiu paroĥo. La bonfarantoj de la paroĥo, inter kiuj troviĝas anglo-katolika episkopo, kiuj rajtas difini kandidaton, postulis la decidon pri la malkonsento de juĝistoj. Ili sukcesis gajni la proceson kontraŭ la episkopo de Birmingham. Post la minaco de ĉi tiu, plivolonte iri en malliberejon, ol cedi, ili petis la tribunalon respekte minacordoni al la ĉefepiskopo de Canterbury, por ke li ekzamenu la kanonikajn titolojn de la kandidato kaj por ke li enoficigu lin en la paroĥa ofico de Sankta-Aidan. Tio okazis.

Partoj de letero de D-ro Barnes al la anglikana primato klare montras, ke temas malpli pri disciplina demando ol pri grava doktrina demando : « Mi ne troigas, dirante ke viaj deklaroj estas la plej profunde spiritkonfusigaj, kiujn iam faris iu ajn ĉefepiskopo de Canterbury de post la Reformacio... Vere estas, ke Via Graco ne sin kompromitas ĝis akcepti la spiritan ĉeeston (de Kristo) en la konsekritaj elementoj, dum la komunio, sed vi asertas, ke vi kredo estas tiu de multego el viaj fideluloj... La diro, ke la sacerdoto per la " akto " de la Konsekro povas igi, ke Kristo estu ĉeestanta en la pano kaj la vino, estas jesigo de la laŭdira miraklo de la meso, Tio estis esenca punkto de la Reformacio... (La Romkatolika Eklezio ĝin difinas per la esprimo : transsubtanciĝo), la artikolo 27 de nia Eklezio ĝin deklaras kontraŭa al la Skriboj... La neklera virino, kiu estis skribinta al mi, ke mi forpelis Jesuon el lia templo, ĉar mi malpermesis la " konservadon ", estis tute prava, se ekzistas fundamento por la kredo, kiun Via Graco rifuzas nomi superstiĉo... »

Kiel oni vidas, la doktrinoj de la ambaŭ episkopoj estas neakordigeblaj. La ĉefepiskopo de Canterbury, kiel la plej granda parto de siaj kolegoj, cedas antaŭ la postuloj de la anglo-katolikaj pastraro kaj fidelularo, sed D-ro Barnes kaj lia malgranda aro estas subtenataj de la plimulto de laikoj. La popolamaso restas kontraŭa al la « Romaj superstiĉoj » ; la duobla verdikto de la Parlamento, rifuzante rajtigi la uzon de la « Prayer Book » (Preĝlibro), estas pruvo pri tio.

« Ĉiu regno dividita en si mem pereos ! » Ĉu la Anglikana Eklezio baldaŭ dispeciĝos kaj disiĝos denove, nun kiam oni parolas pri unuiĝo, aŭ pliĝuste pri federacio kune kun iaj ortodoksaj kaj skismaj Eklezioj de la kontinento ?

N.

## LETERO EL NEDERLANDO

### Pri la morto de eksterordinara viro

Ĵaŭdon 27 aŭgusto 1931, vespere je la oka, finiĝis la vivo de Msro D-ro Willem Hubert Nolens.

Simpla sciigo, sed eksterordinare grava, ĉar je la sama momento finiĝis la vivo de eksterordinare talenta kaj plenmerita presbitero, doktoro, profesoro, ekonomiisto, sociologo, diplomato, delegito de la popolo, delegito de la registaro, gvidanto de fakasocioj, ĵurnalisto, kuratoro de altlernejo, prezidanto de gravaj kolegioj, gvidanto de politika partio, prezidanto de internaciaj kunsidoj.

Willem Hubert Nolens naskiĝis kiel filo de simplaj gepatroj la 7 septembro 1860 en Venlo. Li vizitis la seminariojn en Rolduc kaj Roermond kaj pastriĝis je la 26 marto 1887, fariĝis profesoro en Rolduc el 1888 dum li samtempe studis en la ŝtata universitato en Utreĥto, kie li doktoriĝis en la jura kaj ŝtatekonomia fakultatoj laŭ disertacio : « La doktrino de sankta Tomaso de Akvino pri la juro ». Li estis parlamentano depost 1896, profesoro de la universitato en Amsterdamo de 1909 ĝis 1928, kaj fariĝis papa pronotario en 1900 kiam li honore eksiĝis el la pastra ofico. Depost 1916 li estis kuratoro de la teĥnika altlernejo en Delft ; prezidanto de la konsilantaro de la minejoj ; prezidanto de la senlaboreckonsilantaro ; prezidanto de la alta konsilantaro de la laboro ; konstanta delegito kaj prezidanto de la Nederlanda delegitaro en la internacia laborkonferenco ; ŝtatministro.

Tuj post la morto de Msro Schaepman, la iniciatanto de la rajtoj de la katolikoj en la Nederlanda ŝtato, li fariĝis la gvidanto de la katolika ŝtatpartio, kiu posteno donis al li la eblecon influi la tutan Nederlandan politikon. Neeble detaligi ĉi tie kion li, kvankam viro de malmultaj vortoj, kiu cetere malhavis paroladistan emfazon kaj malatentis la retorikon, en la parlamento akiris por la katolikoj depost la 1 decembro 1897, kiam li en sia « maidenspeech » kiel unua en la Nederlanda parlamento pritraktis la enciklikon *Rerum Novarum* kaj laŭ ĝi disvolvis tutan socian programon.

La tuta vivo estis dediĉata al la religio kai al la socio. Justeco kaj amo al la proksimulo estis la motoroj, kiuj direktis liajn vortojn kaj agojn, ĉu en la universitato, ĉu en la parlamento aŭ en internaciaj kunsidoj.

La Eklezio perdas en li dignan prelaton, la Nederlandan katolikaro sian politikan gvidanton, la Nederlanda ŝtato unu el siaj plej bonaj ŝtatestroj, sed ankaŭ la mondo perdas en li unu el siaj plej fervoraj burĝoj, precipe la tutmonda laboristaro.

Jam en 1897 li vizitis la unuan internacian kongreson por sociaj sciencoj en Zürich. En la jaroj 1907 ĝis 1910 li aktive partoprenis en la internaciaj kongresoj kontraŭ la senlaboreco en Parizo, en kiu li estis la iniciatanto de la komitato por socia asekurado. Kune kun Poincaré, la eksprezidanto de la Franca Respubliko, li prezidis en 1910 la internacian konferencon en Hago. En 1918 okazis en Waŝington la unua oficiala laborkonferenco laŭ la kontrakto de Versailles, kie Msro Nolens estis la delegito de la Nederlanda registaro kaj kie li elparolis sian faman paroladon pri la okhora labortago. Estis grandparte lia laboro, ke la fama konvencio estis akceptata kun 83 kontraŭ 2 voĉoj.

Dum la oka laborkonferenco en 1926, en Genève, Msro Nolens estis elektata prezidanto kaj en tiu jaro li ankaŭ faris sian vere pastran paroladon okaze de la inaŭgurado de la nova internacia laboroficejo. Antaŭ mallonge ankoraŭ, kvankam jam malsana, li tie ankoraŭ bonsukcese pledis por la rajtoj de la laboristoj en la minejoj, afero kiu ĉiam havis sian atenton, Malforta kaj eluzita li revenis en la patrujon.

Ni ne povas fini, sen ke ni citu parton el lia malfermparolado de la internacia laboroficejo, kiu tiel ekzakte vidigas lian personecon :

« Oni ne povas ignori : la plej bonaj inter niaj samtempanoj estas turmentataj de la soifo al unueco. En la scienco, en la arto, en la religiaj pensoj ili direktas sin, sataj kiel ili estas de la analiso, al la sinteso. La samon ni vidas okazi sur socia tereno. Satigitaj de la individualismo ili penadas atingi la solidarecon, kiu estas vere identa kun la krista amo, kiu mem alportas la justecon. Ili penadas restarigi la solidarecon en la rilatoj inter individuoj, inter sociaj grupoj kaj inter ŝtatoj por atingi la idealon de unueco per justeco kaj per la vivigaj ligiloj de la amo.

« Ĉar estas permesate al mi paroli en la nomo de milionoj da tiuj, kiuj kvankam malsimilaj laŭ doktrino, tamen estas unuigataj per la sama kredo en la Dia providenco, kiu regulas kaj kondukas la homan sorton, en la nomo de tiuj, kiuj modeste kredas plenumi la rolon de kunlaborantoj de Dio, kaj fine en la nomo de tiuj, por kiuj la Ĉiopotenculo estas la komenco kaj la fina celo, mi esprimas en la nomo de ĉiuj tiuj milionoj da viroj kaj virinoj la deziron, ke la beno de la Ĉiopotenca Dio estu super ĉi tiu konstruajo, super ĉiuj penadoj kaj ĉiuj agadoj favore al la socia paco, de kiu ĉi tiu nova konstruaĵo depost nun estos unu el la centroj. »

La tuta nederlanda gazetaro katolika kaj nekatolika nuntempe laŭdas lian memoron, ankaŭ la eksterlanda dediĉas al li sentoplenajn vortojn. La internacia sociekonomia kongreso en Amsterdamo tuj post la informiĝo pri lia morto solene rememorigis lin. Ankaŭ sur tiu ĉi modesta loko konvenas al ni, doni al li la laŭdon, kiun li per sia riĉa kaj multokupata vivo plene meritas. Niaj legantoj rememorigu lin en siaj preĝoj, por ke Dio donu al li la eternan pacon.

Requiescat in pace.

J. H. Westen.




■ La 59-a nacia franca pilgrimo al Lourdes okazis de la 18 ĝis 26 aŭgusto ; ĝi konsistis el deknaŭ trajnoj, kiuj transportis 15.000 pilgrimantojn kaj preskaŭ 1.000 malsanulojn, el kiuj multaj tregrave. Kiel kutime la Oficejo de Konstatoj enregistris kelkajn resanigojn miraklajn.

■ Msro Coste, episkopo de Carcassonne (Francujo), estis elektita ĉefepiskopo de Aix-en-Provence.

■ Por la unua fojo en la historio de Brita Honduras (Centra Ameriko) indiĝena presbitero celebris la meson. Estas Pastro Sebastiano Arjonilla, kiu ĵus estis ordinita de la ĉefepiskopo de New-Orleans. La nova presbitero naskiĝis en Staan Creek kaj plenumis siajn studojn en la Usona Seminario. *(Fides.)*

■ Mortis en Parizo, la 25 aŭgusto, Msro Herscher, titola ĉefepiskopo de Laodiceo. Li estis naskiĝinta en Hettenschlag (Alsaco) la 29 oktobro 1855. Presbiterigita en Parizo dum 1879, li iris en Langres, kiel sekretario de la episkopo Msro Larue. Baldaŭ li fariĝis generala vikario kaj apostola protonotario. Leono XIII-a elektis lin kiel episkopo de Langres, la 14 decembro 1899, post la eksiĝo de Msro Larue. Li restis sur la episkopa seĝo de Langres dum dek jaroj, dum kiuj li prizorgis speciale la liturgion kaj religian muzikon. La 24 decembro 1910, il eksiĝis kaj translokiĝis en Parizon, kie li restis ĝis sia morto. Pio X-a donis al li la titolon de ĉefepiskopo de Laodiceo. Msro Herscher estis multe estimata de la Parizanoj.

■ En la Malanga misiejo, Okcidenta Afriko Portugala, mortis, post misia dejoro 43-jara, Fratulino Maria-Victoire, el la Kongregacio de la Religiulinoj de Sankta-Josefo de Cluny (Francujo). Dum tiu tuta tempo ŝi revizitis Eŭropon nur du fojojn. Cilivaj kaj militaj honoroj estis faritaj al ŝi dum la funebra ceremonio. *(Fides.)*

■ Grafino Persico Della Chiesa, fratino de Benedikto XV-a mortis en Venezo.

■ La Papo akceptis en aŭdienco 150 pilgrimantojn el Praha, prezentitajn de Pastro Urban, Franciskano. Ili orferdonacis al Pio XI-a artan reproduktaĵon de la fama Jesu-Infano el Praha.

■ Plurfoje la itala ambasadoro ĉe la Sankta-Seĝo vizitis la ŝtatan sekretario, Kardinalo Pacelli, verŝajne por la diplomataj intertraktadoj pro la lasttempaj malkonsentoj inter la faŝista registaro kaj la Papo.

■ Okaze de la 17-a datrevenon de la morto de Pio X-a, multaj personoj vizitis lian tombon en la Vatikanaj Grotoj. La tombo estis tute kovrita per floroj kaj ĉirkaŭita de brulantaj kandeloj. Mesoj estis celebritaj de frumateno ĝis tagmeze sur apudaj altaroj. Oni pli kaj pli esperas, ke baldaŭ estos proklamita beatulo la ĉiam karmemora Pio X-a.

■ La apostola vikariejo de Keewatin (Kanado), ĵus perdis la dekanon de siaj misiistoj, Pastron F. X. Ancel, el la Oblatoj de Mario Senmakula, naskiĝinta en Loreno, kiu pasis kvindek jarojn en tiu misiejo. *(Fides.)*

■ Lia Papa Moŝto sendis grandajn monhelpojn al la vilaĝo de San Stefano d'Aspromonte, apud Reggio Calabrio (Italujo), kiu estis tute detruita per incendio.

■ De la 27 ĝis la 30 aŭgusto okazis en Paray-le-Monial (Francujo) kongreso pri la sacerdota rekrutigo. Oni konstatis progreson en la nombro de la seminarianoj kaj firman decidon pliintensigi la propagandon pri la pastreco.

■ Sukcesplene okazis en Nürnberg la grandioza kaj multnombre vizitata 70-a Germana Katolika Kongreso, la 26-30 aŭgusto. La solena paradmarŝo de la katolikaj viraro kaj junularo superis ĉion.

■ La Kongreso de la franclingva Asocio de Katolika Junularo de Belgujo okazis en Bruselo la 30 aŭgusto. Pli ol 100.000 junuloj paradmarŝis tra la stratoj de la Belga ĉefurbo. Prezidis Kardinalo van Roey kune kun la Papa Nuncio kaj la Ministro por Internaj Aferoj.

### Progresoj de Katolikismo en Koreo

Grava movado de konvertiĝoj, kian oni neniam vidis ĝis nun, ekmontriĝas en la apostola prefektejo de Peng-Yang en Koreo. Dum longa tempo, tiu teritorio, komisiita al la Pastroj de Maryknoll, estis favora agadkampo de la protestantoj. Ili jam havis multajn apostolajn rimedojn : lernejoj, hospitaloj, kuracejoj, ktp., kiam la katolikaj amerikaj misiistoj alvenis, en 1923, en Koreon.

Malgraŭ la grava influo de la protestantoj en tiu regiono, dank' al la laboroj jam faritaj de iliaj antaŭuloj de la Societo por Fremdlandaj Misioj de Parizo, la Pastroj de Maryknoll sukcesis konverti grandan nombron de paganoj kaj ankaŭ de protestantoj. Lasttempe oni rimarkis grandan movadon al Katolikismo en la popolo mem. Kaj de la Cindromerkredo ĝis Pasko oni povis enregistri 600 baptojn de plenaĝuloj en la prefektejo. Multe da Koreanoj atendas ankoraŭ por esti akceptataj en la katolika Eklezio. *(Presagentejo « Fides ».)*

# Kial al Romo?

*D-ro Selden P. Delany, rektoro de preĝejo de Virgulino-Mario en Novjorko, influa aŭtoritatulo de la Usona Eklezio Episkopala, kaj redaktinto de ĝia ĉefa revuo, antaŭlastsomere katolikiĝis. Ĉi tiu transiro vekis tian ventegon parte de interesiĝo, parte de indigniĝo, ke li sentis sin devigata klarigi la motivojn de sia konvertiĝo en verko « Why Rome? » kiu lastvintre aperis ĉe* Dial Press *en Novjorko.*

« Kial vi decidu, en tia granda aĝo, ke via konscienco jam ne al vi permesas kontentiĝi per Episkopalismo? » Tiel min demandas de temp' al tempo kelkaj el miaj amikoj.

En ĉiu homvivo estas ĉiaj kormotivoj, kiuj malfaciligas la formuladon de intelekta decido. Tiel longe kiel oni iom prave povas supozi, ke oni havos disponon pri multo da pliaj vivjaroj, pli facile estas prokrasti decidojn ĝis okazo oportuna. Sed laŭ tio ke oni maljuniĝas, pli sin trudas al ni la neceso de decido! Estas ĉiam multaj homoj, kiuj min fidis kaj atendis de mi gvidadon. Longan tempon mi ne volis ilin maltrankviligi, ĉar kiel facile mi povus ilin remergi en rigidan Protestantismon aŭ eĉ en kompletan senkredon! Sed nun mi ekhavis klare la konvinkon, ke — eĉ je risko de tiaj konsekvencoj — spirita gvidanto *nepre ŝuldas* al siaj anoj firmteni sian moralan integrecon kaj sekvi la ordonon de sia konscienco. Oni ne *povas* riproĉi al mi, ke mi faras kion mi kredas devi fari, eĉ malgraŭ la multo da korsentaj malhelpoj, kiuj ne kapablis min reteni. Neniel povas estis malutile al Kristanoj, se ili sin vidas devigataj reekzameni siajn religiajn konvinkojn kaj sian eklezi-organizan situacion; sin konvinki pri tio, ĉu ili ne sin blindigas, aŭ sekvas gvidantojn blindajn.

Alia ĉefmotivo, kiu longe min retenis ekpaŝi, estis la respondeco, kiun mi sentis rilate al la katolikizanta parto de la Episkopala Eklezio, kaj kiun respondecon mi sen io pli ne kapablis ignori. Mi tute ne intencas troigi la gravecon de mia persono, sed mi realigas al mi nur troe, ke, se rektoro de unu el la plej grandaj urboparoĥoj de la Episkopala Eklezio sin submetus al Romo, tio povus tre malutili al la religio, pri kiu li ĉiam estis fervorinta. Longajn jarojn mi vivadis en la supozo, ke Dio min metis en tiun oficon por progresigi la alkatolikan movadon, por ke iam estonte ĉiuj Episkopalanoj tiom katolikiĝos rilate al konvinko kaj praktikoj, ke reunuiĝo al la cetero de la katolika Kristanaro efektiviĝos.

Multaj lastjaraj okazaĵoj tamen kaŭzis en mi dubon, ĉu mi agis prudente kaj ĝuste. Mi konjektas, ke la plej simpla klarigo de tio radikas en mia elreviĝo kaj senkuraĝiĝo pri Anglo-Katolikismo. Ĝi ne progresas! Estas profunda fosaĵo inter Alkatolikoj kaj Liberaluloj. En Anglujo la movado ege malpliiĝis de post la malsukceso de l' cenzurado de la « Prayer Book » (Preĝlibro). La nova propono akre metis en la lumon la terfendaĵon, kiu jam de longe ekzistis inter ambaŭ partioj. Multaj anoj ĝin salutis kiel klarvideblan pliboniĝon, dum sennombraj aliaj ĝin nomis fatalaĵo, pro la ŝanĝo en la Komunia Ofico kaj precipe pro ĝiaj limigoj pri la konsevado de l' Plejsanktaĵo.

Interne de la Usona Eklezio Episkopala la alkatolika movado ŝajnas al la potenculoj suspekta; multaj el la novaj pastroj, en la seminarioj edukitaj laŭ katolikaj tendencoj, nur malfacile trovas oficojn. Escepte en kelkaj vastaj urboparoĥoj tiaj pastroj estas ĉie ĝenmalhelpataj de siaj episkopoj aŭ konsilantaroj, verdire malpli ol en Anglujo. En mia propra paroĥa kaj ĵurnalista laboro mi sentis ĉiam pli forte, ke mi nur marŝetis tien kaj reen en strateto sen eliro, sen kontakto kun la ĉefkorporacio de la Episkopala Eklezio. Niaj religiaj organizaĵoj estas malfidataj de l' plimulto de niaj pastroj kaj laikuloj, kaj pro tio akiras nur malmultajn aspirantojn. Ili ofte estas invitataj al duone putraj paroĥoj aŭ en suburbaj kvartaloj tiel malbonreputaciaj, ke edziĝinta pastro ne kuraĝas enmiksiĝi en iliaj aferoj, sed ilia nombro estas tro malgranda por ke ili povu kontentigi ĉiujn tiajn invitojn. En aĝo pli juna, mi kredis, ke estis en la Episkopala Eklezio multaj paroĥoj kaj eparĥioj kun forta alkatolika partio, sed poste la okazaĵoj parolis al mi lingvon klaran. Krome mi ekhavis alian senton pri tio, kion mi kredis esti mia vokado: la reformado de Episkopalismo. Neniam mi forgesis la frazon de D-ro Kinsman: « Estas ega komfortiĝo spirita anstataŭi la taskon reformi la Eklezion per la tasko pli simpla: lasi klopodi la Eklezion reformi nin... » Jen vera kristana humileco; ĝi povas veki en la anglo-katolika pastraro neĝustan malhumilecon, se ili pensus, ke nur ili laŭiras la ĝustan vojon, kaj ke la amaso de iliaj kunpastroj lamas en la malluma arbaro de Protestantismo.

Se la Anglo-katolikoj interne de la Episkopala Eklezio sin limigus ekskluzive al la oficoj de la « Prayer Book », ili estus tolereblaj. Sed tia multo inter ili fosis tranĉeon de memfido. La plejprogresemuloj inter nia juna pastraro nun opinias, ke la « Prayer Book » estas nesufiĉe katolika kaj plena je makuloj de Protestantismo. Tial ili intermetas elementojn el la Romkatolika Eklezio: benado per la Plejsanktaĵo, litanio de ĉiuj Sanktuloj, Rozario, publika honorado de la sankta Kruco, ktp., ĉiam pli, ĉiam pli.

La sukcesa transiro de infaneco al matureco dependas — diras la psikiatroj — de la likvido kaj rekonstruo de kutimoj, kiuj nur laŭestis laŭ niaj unuaj spertoj. Ofte Anglo-katolikoj agas kiel reinfaniĝintaj plenaĝuloj, kiuj ludas ludeton kun la homoj en siaj rondoj. Ili ne ŝatas la Episkopalan Eklezion, tiel kiel ĝi estas, kaj nun ili klopodegas por el ĝi fari ion, kio ĝi certe ne estas. Normala klera plenaĝulo klopodas akomodiĝi al la realo. La Episkopala Eklezio estas realaĵo: realaĵo rigidega kaj konservativa. La Romkatolika Eklezio ankaŭ estas realaĵo, ĉiam predikinta samajn dogmojn, sed en la jarcentoj ĉiam akomodiĝinta al la ŝanĝiĝintaj bezonoj de la homoj. Se oni deziras Protestantismon delikatiĝintan, liturgian kaj bonegaspektan de socia vidpunkto, oni ĝin trovas en la Episkopala Eklezio. Se oni deziras kleran kaj praktikan Katolikismon, tio estas ĉie en la mondo trovebla en tiu imponega eklezia organizaĵo, kies centro situas en Romo ĉe la Sankta-Seĝo.

Mia antaŭa ideo — ĉi supre citita — klopodi per katolikigo de la Episkopala Eklezio prepari ĉi tiun al reunuiĝo kun la Apostola Seĝo, nun ŝajnas al mi esti ne nur koncepto tro malhumileca, sed precipe negravaĵo infaneca. Kial mi ne vidis tion pli frue? Mi ne scias, se ne ke tio estis la risko senordigi mian komfortan animstaton. Estas terure facile, trompante sin mem, trudi al si la konvinkon, ke niaj intencoj estas puraj.

Sed ĉiujare kreskis en mi la konvinko, ke mi trafis en ĉiam plian konflikton kun la ĉefaj religiaj direktoj de miaj rondoj. Mankis al mi ĉia simpatio rilate al liberala Protestantismo, kiu estas en Usono la ĉefa religio krom la Romkatolika Kredo. La plej konataj pastroj kaj influaj laikuloj, sendube riprezentas la popularajn ideojn de l' religisentoj interne de l' socia medio, al kiu mi apartenas. Ili estas ĉiuj liberalprotestantaj, kaj estas malmulto komuna inter ideoj iliaj kaj miaj, kvankam mi devas konfesi, ke ili ĉiam montris ĝentilan toleremon. Same malmulte allogis min Protestantismo fundamenta. La Anglo-katolikoj estis ĉiam konsideritaj kiel frakcio stranga kaj iom amuza, kiu ne havis multon da influo en ekleziaj rondoj.

Tiel mi inkliniĝis al Katolikismo; la donitaĵoj de nunaj circonstancoj en Usono min devigis komenci honori la Roman Katolikismon kiel la veran Katolikan Eklezion, same kiel ili min devigis ekvidi, ke Protestantismo dekadentiĝis kaj estas nun en stato de putriĝo. Influa pastro protestanta deklaris antaŭ nelonge en kunveno de cento de siaj kolegoj: « Nur 6 % de la Novjorka enloĝantaro ankoraŭ apartenas al la Protestanta Eklezio. » (Kaj kia heterogenaĵo tio estas!) Li ilin instigis komenci gazetanoncan movadon favore de la Eklezio! Eble estus prefereble akordiĝi pri residuo protestanta gazetanoncebla... La Romkatolika Eklezio povas ekzistadi sen tiaj anoncoj, tiel longe kiel, eĉ en Novjorko, ĉiuj ĝiaj preĝejoj estas 6 ĝis 7 foje plenplenaj de fideluloj. Eble la protestantaj ekleziuloj metu en la gazetojn anoncojn pri tio, kion ili povas oferi al la homoj, sen ke Romo povas tion imiti! Eble oni povas tiuokaze akordiĝi pri allogaĵoj kiel: anglaj Diservoj, sensaciaj predikoj, benkoj kun kusenoj anstataŭ malmolaj lokoj por genufleksi, libereco por kredi kion oni volas, komuna kantado de popularaj psalmoj, k. c.

Unu el miaj amikoj klopodis min persvadi kontentiĝi per Episkopalismo pere de jena argumento (mi citas laŭvorte el lia letero): « Ĉiu scias, ke niaj ekleziaj situacioj estas ĥaosaĵo (la originalo donas angle *mess*), sed ili estas parto de l' vivo, kaj vivado estas nuntempe ankaŭ ĥaosaĵo... Tiel longe kiel ni havas ankoraŭ validajn Sakramentojn, ni povos katolike vivi, kaj tiuokaze ne gravas, ĉu ni estas en interrilatoj kun Romo kaj Papo, kaj ĉu la eklezia disciplino ĉe ni ŝanceliĝas kaj ĉu nia aŭtoritato estas nestabila... »

Estas eble, ke la Anglikanoj havu interne de la Eklezio Episkopala homojn valide presbiterigitajn kaj ke iliaj Sakramentoj estu validaj. Sed por mi la ĉefpunkto de ĉio estas la Papeco. Ĉu ne estas vere, ke Nia-Sinjoro kreis Sian Eklezion ne nur kun apostola ĉefaro, sed kun unu apostolo, sankta Petro, kiel ĉefo kaj gvidanto de la apostola kolegaro? Se tiel estas, ni *ne rajtas* ne vivi en komuneco kun Romo! Profesoro George, unu el niaj plej bonaj teologoj protestantaj, docentis jam en mia junaĝo, ke la papeco estas la akso de ĉio. « Se vi kredas en Papeco, katolikiĝu; se ne, restu episkopalaj », li diris. Ne povas esti dubo pri la valideco de l' presbiterigoj en la Orientaj Ortodoksaj Eklezioj. Sed estas la demando, ĉu ili pravis rilate al sia apartiĝo de la Apostola Seĝo. Al tio oni povas trovi taŭgan respondon nur pristudante la devenon de la Orienta Skismo. Por mi gravas nur demando jena: *Kian* eklezion fondis Nia-Sinjoro? Mi tute ne dubas kredi, ke ĝi estis korporacio, interne de kiu la Apostoloj estis la aŭtoritatuloj, kaj ke la unuaj episkopoj estis la rajtaj posteuloj de la Apostoloj. Sed tio ne estas ĉio. Se el la Evangelioj kaj la Apostolaj Aktoj *unu fakto* estas klarvidebla, ĝi estas jena: ke Petro estis la ĉefo de la Apostoloj kaj estis konsiderata kiel tio de Nia-Sinjoro mem. Se nia Savanto celis konstrui porĉiaman Eklezion — kaj ne simple konstruaĉi provizoraĵon — klare estas, tute klare, ke la posteuloj de Petro sur la Roma episkopseĝo estas pro dia aranĝo la administraj ĉefoj de la Eklezio. En tiu okazo ni ne havas pli da rajto forigi la Papecon el la statutoj de l' Ĝenerala Eklezio, ol havas Protestantoj forrifuzi Episkopalismon! Neniam mi iom sentis la anglikanan argumenton, ke la ĉefeco de l' Papo ekzistas nur *de jure ecclesiastico* kaj ne *de jure divino,* ĉar la papa jurpotenco radikas en la ordono de Kristo al Petro. *Sed eĉ se la potenco de l' Papo vere estus al li donita de la Eklezio, anstataŭ de Nia-Sinjoro, ankoraŭ tiuokaze la kredantoj de l' fakto, ke la evoluo de la Eklezio estas gvidata de l' Spirito-Sankta, devas akcepti la Papecon. Aliokaze oni devas akcepti, ke la Spirito-Sankta trompis sian Eklezion dum la unua miljaro!*

Koncerne cetere la validecon de niaj episkopalaj presbiterigoj, mi neniam dubis pri tio, ke ĉi tiuj por la fideluloj, al kiuj mi ilin administris kaj kiuj ilin recevis bonfide, estis same kiel iliaj ceteraj piaĵoj, tiom da efektivaj gracdoniloj. Mi ne povas kredi, ke Dio rifuzas donaci sian gracon (se eble ne *ex opere operato*) al ĉiuj, kiuj Lin serĉas fervore kaj kiuj respektplene uzas la plej taŭgajn rimedojn de ili konatajn por sin unuigi kun Li.

*organizu ponumeran vendadon de nia gazeto en via urbo*

☆

*vidu specialajn prezojn*

---

FELIETONO DE LA 13-27 SEPTEMBRO 1931 — 4 —

# LA ARĜENTA MONERO

*malnova legendo de nekonata aŭtoro esperantlingven tradukita de* ALOIS BERNDL

(*Daŭrigo kaj fino.*)

Post mallonga interkonsiliĝo diris la abato: « Mi opinias, ke ni forigu la solorilon el la lando, el la ĉirkaŭaĵo de la homoj kaj ĵetu ĝin en abismon similan al tiu, en kiu eterne troviĝas Judas, kies malbeno kuŝas sur la sonorilo. Mi opinias, ke ni veturigu ĝin al la marbordo, prenu ĝin sur ŝipon, veturu kun ĝi sur la akvodezerton kaj flanke de la vojo, sur kiu kutime veturas la ŝipoj, ni ĵetu ĝin en la abismon de la profunda maro. Tie ĝi ripozu kun sia malbeno, tie ĝi ne plu povos malutili al la homoj. »

Ĉiuj akceptis la proponon. Do oni prenis la sonorilon el la turo kaj transportis ĝin al la maro, kiu estas malproksime nur kelkajn mejlojn. La postan tagon la abato kun aro fratoj iris al la bordo por peti Dion, ke li ŝirmu la ŝipojn kontraŭ la malbeno de la fatala sonorilo kaj por konvinkiĝi, ke la sonorilo estas ĵetata en la maron.

La ŝipo jam troviĝis ĉe la bordo; per floso oni trenis la sonorilon sur la ŝipon kaj poste ankaŭ la monaĥoj suriris ĝin. Oni levis la ankron, la vento blovis en la velojn kaj malrapide la ŝipo forveturis de la lando sur la nemezurebla akvaro, el kiu vidiĝis ambaŭflanke minacantaj nigraj rokoj.

Malproksime, certe kelkajn mejlojn de la lando, sur loko malproksime de la kutima vojo de l' ŝipoj oni malrapidigis la veturadon.

« Ĉi tie la maro estas nemezureble profunda », diris la ŝipisto.

Oni preparadis, por ĵeti la sonorilon en la akvon. Antaŭe la abato kun siaj akompanantoj paŝis al ĝi kaj prenis simbole la benon de ĝi, kiu iam estis donita al ĝi. Terurige sonis, kiam li recitis tiun ĉapitron el la Agoj de la apostoloj, kiu enhavas la vortojn de sankta Petro pri la kondamno al Judas, kiuj nun ankaŭ valoris por la sonorilo, kies inaŭguro nun estis nuligata. Ekskuite ĉiuj aŭskultis la vortojn: « Devis efektiviĝi la vorto de la Skribo, kiun profetis la Sankta-Spirito per la buŝo de David pri Judas, kiu montris la vojon al tiuj, kiuj kaptis Jesuon. Li estis nombrita (al liaj apostoloj) kaj atingis nian oficon. Kaj li aĉetis kampon per la pago por la malbono kaj pendiginte sin, la kampo krevis meze kaj kovris lian malvivan korpon. Kaj diskoniĝis al ĉiuj loĝantoj de Jeruzalemo kaj tial tiu kampo estas nomata "Hakeldama", t. e. sangokampo. Skribite estas nome en la libro de la psalmoj... (pri Judas): « Lian episkopan oficon ricevu alia! » Kaj pluen legis la abato, kiel la unua kristana kunvenintaro preĝis pro posteulo por la malbeatulo: « Kiu ricevu la servon kaj apostolan oficon, kiun fordonis Judas, por veni al la loko destinita al li. » Nun la abato faris fortegan baton kontraŭ la sonorilo, kvazaŭ por detrui ĝin, tiam ĝi estis metata sur la eksteran randon de la ŝipo, la monaĥoj ankoraŭfoje petis Dion per mallaŭta preĝo, ke li ŝirmu la ŝipon, kaj la sonorilo estis ĵetata en la profundon de la maro.

Ĉiuj okuloj rigardis la sonorilon falegantan en la ondegojn. Sed apenaŭ ĝi estis tuŝinta la akvon, ĉi tiu retiriĝis, kvazaŭ ĝi timus la tuŝadon kun ĝi; aŭtomate malfermiĝis vojo al la marfundo antaŭ la pli kaj pli malleviĝanta sonorilo, kvazaŭ muro staris la akvo ĉirkaŭe kaj lasis veturi en la mezo danĝeroplenan gaston al la profundo. Certe milojn kaj milojn da futoj oni povis rigardi en la nemezureblan, nigran kaj teruran ŝakton. Iam kaj iam vidiĝis el la plejpleja profundaĵo la metala brilo de la sonorilo aŭ obtuza sono aŭdiĝis de ĝi supren, dum ĝi ankoraŭ ĉiam malleviĝis en la senfundan nigran abismon, bildo de la malfeliĉa homo, kiu, kondamnite de Dio, faras sian lastan vojaĝon al la eterna abismo, al la senfina mallumo, al la eterna puno en la loko de la eterna turmento. Ankoraŭfoje li eble rerigardas al la mondo kaj ĝiaj ĉarmoj, por kiuj li fordonis sian eternan feliĉon; ankoraŭfoje li eble ekkrias, sed tiam malaŭdiĝas lia voĉo, blindiĝas lia okulo en la eterna nigra mallumo.

Nun ŝajne alvenis la sonorilo sur la marfundo; malsupre komenciĝis movado en la maro, kiu furioze rapidis supren, el la ŝakto aŭdiĝis terurega bruegado kaj muĝado, la akvoj saltis malsupren en ĝi kaj kun ĉielen

# Kial al Romo?

*(Daŭrigo)*

Tial certe estas animoj alte privilegiataj de diaj gracoj en ĉiaj religiaj rondoj.

Sed kion faru ekleziulo? Kiam li ekscias, ke lia subreligio komencas perdi terenon en la interno de sia Eklezio, kaj fariĝas faktoro ignorinda inter la religiaj direktivoj de la moderna mondo, kaj ke en nia nuntempa historio ekzistas ĉiam pligraviĝanta atesto, ke la Romkatolika Eklezio estas la plej fortika kaj plej prospera respegulajo de l' religio de la Evangelioj, li estas neeviteble pelata al la konkludo: ke li submetu sin al Romo. La Protestanta Eklezio Episkopala — kiel nun mi ĝin lernis alrigardi — estas heterogena aglomerajo de ekleziuloj kaj laikuloj; ĉiu en ĝi estas individualisto rilate al sia kredo kaj siaj praktikoj. La barometro de ilia eklezia stato estas la grado de ilia alproksimiĝo al la Roma religio. Frue-malfrue ĉiu malkontentiĝas pri la rigida Episkopalismo kaj — iel — pruntepreneas iun kredodogmon aŭ praktikon de la Romkatolikismo: altarlucernoj, mesvestoj, inceso, ĉeesto de la Plejsanktaĵo, krucosigno, kapklino je eldiro de l' sankta Nomo, genufleksoj, alvokado al Sanktuloj, Rozario, *Ave Maria*, Anĝeluso, stacioj de Krucvojo, spiritaj retiriĝoj, horoj de adorado, konfeso, komunio sole sub panoŝajno, brevieraj preĝoj, Senmakula Koncipo, alisubstanciĝo, papa primateco, papa senerareco. Kelkaj Episkopalanoj jam ĉi ĉion akceptas; aliaj parte; sed *en tio ĉiuj* estas en diversaj gradoj sur la vojo, kiu, logike plue laŭirata, kondukas nenien ol al Romo.

La rajtpostulo de Romo revenas al ni ĉiamdaŭre; multfoje ni ĝin forrezonas kaj decide ĝin ignoras. Sed venas tempo, kiam ĝi nin superfortas tute. Iam Chesterton diris, ke tiu fakto komence kaŭzis al li momentojn de konfuzego, el kiuj li sciis liberiĝi, kontenta ke li povis resti, kie li estis; sed tiam subite la konvinko pri la nemalpravigebla pozicio de Romo venas tiel superforte, ke ni jam ne povas ne submetiĝi. Tiel estis ankaŭ sperto mia. Ofte en mia religia ofico mi sentis la altiron de Romo, sed sciis ĝin venki.

Unu el la impresoj, kiuj pleje min kaptis, mi ĝin travivis, kiam antaŭ kelkaj jaroj mi staris unuafoje antaŭ la grandioza baziliko Sankta-Petro en Romo kaj legis la surskribon sur la fasado: « *Tu es...*: Vi estas Petro kaj sur ĉi tiu roko mi konstruos mian Eklezion. » Tiumomente okazis en mia interno io, kio skuis la fundamentojn de mia vivo. Kaj tio ripete okazis, kiam iom poste mi genufleksis antaŭ la tombo de sankta Petro.

Nun kiam, kvar jarojn post tiu vizito al Romo, mi al ĝi submetiĝis, nun mi scias, ke tio ne estis entuziasmaĵo pasema: al la Roma Eklezio mi nun dediĉis mian koron!

*Trad.* Fr. Floriano.

**NIA VENONTA NUMERO**

**surhavos la daton: 11 oktobro 1931**

## El malantaŭ la ruĝa limo

### La Sendiuloj kontraŭ la Katolikoj

La fama gazeto *Bezbojnik*, oficiala organo de la Sendiuloj en Rusujo, atakis en lasta ĉefartikolo la katolikan pastraron, kiu estas la plej granda malamiko de la Komunismo. La redaktoro akuzas la ankoraŭ ekzistantajn katolikajn presbiterojn, ke ili ne juris fidelecon al la Soveta Potenco. Sekve li postulas, ke oni forigu la katolikan Eklezion el Sovetujo, kiel oni ja forigis la Ukrajnan Eklezion. Kiel la sendiuloj de Sovetujo timas la influon de nur kelkaj katolikaj pastroj!

### La radio je la servo de la religio

Ni jam ion diris pri la radio-aparatoj, kiuj servas al multaj rusoj por aŭdi la Di-servojn



Legsalono en Sovetujo

disaŭdigatajn per fremdlandaj radio-stacioj. Dimanĉe oni kunvenas ĉe fidinda amiko, kiu posedas radio-aparaton, kaj ĉirkaŭ tiu moderna ilo, oni pie ĉeestas la malproksime okazantan Di-servon, ĉar en la vilaĝo la Sovetoj malpermesis ĉiun Di-kulton.

Sed tre amuze estas, ke plej ofte la radioaparatoj, kiuj estas uzataj por tia pia aŭdado, estas aparatoj disdonitaj de la Sendiulaj komitatoj por favorigi la kontraŭreligiajn disaŭdigojn.

### Fermo de 600 preĝejoj

La lasta kongreso de la sendiuloj voĉdonis deziresprimon, kiu estis prezentita al la Komitato de la Tria Internacio kaj al la soveta registaro, en kiu la sendiuloj postulas pliintensigon de la kontraŭreligia propagando, malpermeson de konstruo de novaj preĝejoj kaj severan observon de la rilatoj de la en

## LETERO EL FRANCUJO

### La asocio de la eksmilitintaj presbiteroj

Tuj post la tutmonda milito fondiĝis en Francujo, kiel cetere en aliaj landoj, asocioj de eksmilitintoj. Estas du specialaj tiaj unuiĝoj: tiu de la religiuloj kaj monaĥoj kaj tiu de la presbiteroj. Ni hodiaŭ volas priparoli tiun ĉi, okaze de ĝia lasttempe okazinta jara kongreso.

La asocio de la pastroj eksmilitintaj, mallonge la PAC, kalkulas nun 12.600 presbiterojn aliĝintajn en 80 eparĥioj. La organizo de la asocio konsistas el sekcioj regionaj. Ili kreas la movadon laŭ siaj propraj vigleco kaj laboremo. La prezidanto estas Pastro Bergey, deputito ĉe la Parlamento, kiu, dum la jaro, prezidis kaj gvidis tridek eparĥiajn kunvenojn. La asocio eldonigas organon, kies titolo estas: *Soutanes de France* (Sutanoj de Francujo).

La ĝisnuna agado de PAC konsistis el apogo donita ekzemple al la depostuloj de la religiuloj eksmilitintaj; tiuj ĉi devis depostuli la rajton ekzisti kiel ordenoj aŭ kongregacioj en Francujo. La PAC ankaŭ donis sian kunlaboron al aliaj asocioj de eksmilitintoj, kaj tiamaniere akiris grandan influon ĉe multaj homoj, kiuj estas ne-praktikantaj katolikoj kaj kiuj ofte havas suspektojn kontraŭ la presbiteraro.

La partoprenintoj en la tuta milito jam konis la presbiterojn en la tranĉeoj, kie ili estis soldatoj kun ili, kaj povis montri sian sindonemon kaj servemon en multaj okazoj. Tiel multaj antaŭjuĝoj kontraŭ la pastroj estis forigitaj. La franca popolo ne konis sian presbiteraron, ĉar la malamikoj de la religio fosis inter ili abismon de antaŭjuĝoj. La milito plenigis tiun fosaĵon. Kaj la postmilita tempo daŭris la verkon de la dummilita epoko. La pastroj grupiĝintaj en la PAC daŭre montris sian sindonemon al la aliaj eksmilitintoj en multaj okazoj. La malamikoj de la religio montris en ĉiu pastro monavidulon. La faktoj neigis tiun kalumnion. Kaj nun la franca popolo tuta re-estimas siajn pastrojn; ĝi komprenas ke ili celas ne sian monujon, sed sian animon, kiun ili volas savi.

Jen rezulto trafita pere de la agado de la asocio de la eksmilitintaj presbiteroj en Francujo.

G. O.

Sovetujo loĝantaj pastroj kun fremdlandoj. Samtempe la kongreso prezentis al la registaro sian kvinjaran planon de kontraŭreligia agado; en ĉi tiu jaro 600 preĝejoj estas fermotaj, kaj, en 1934, ne plu devos ekzisti eĉ unu preĝejo en Rusujo.

Boubnoff, komisaro por la Publika Instruado, akceptis la delegitaron, kaj, je la nomo de la registaro, promesis tutan apogon de la de la Soveta Potenco por la agado de la sendiuloj.

### Kontraŭreligia teatro

La komisaro por la Publika Instruado eldonigis novan treatraĵon, kies titolo estas: « La bapto de Rusujo », kaj kiu estis devige ludita en ĉiuj teatroj de la ĉefurbo.

La teatraĵo reprezentas la konvertiĝon kaj bapton de sankta Valdemaro, delogita per diboĉo kaj drinkemo al li proponitaj de kristanaj pastroj el diversaj ritoj.

Malgraŭ la gradskala anoncado la teatraĵo trafis nenian sukceson. La rusoj ne ŝatas tiajn burleskaĵojn malpiajn.

### Kontraŭsoveta agado de religiaj sektoj

La Soveta Potenco forstrektis per dekreto la Ukrajnan Eklezion, kaj pensis tiamaniere esti liberigita de la ajn religia influo en tiu parto de Sovetrusujo. Ĝi tute eraris. Ĉar anstataŭ unu eklezio formiĝis multaj religiaj sektoj, kies estroj estas tre agemaj, kaj al kiuj oni nun riproĉas agadi kontraŭ la bolŝevismo kaj komunismo. La anoj de tiuj sektoj en Ukrajno kaj en la Kokasregiono kunvenas meze de montaro kaj arbaro, se necese dumnokte. Iliaj pastroj anoncas al ili la baldaŭan revenon de Kristo, kiu finfine liberigos Rusujon kaj starigos sian eternan regnon. La nuntempa Soveta Potenco estas la Antikristo antaŭanoncita de la Sanktaj Skriboj kaj la komunistaj gazetoj estas liaj produktaĵoj. Tiuj sektanoj pli kaj pli fariĝas fanatikuloj. Kaj la registaro timas, ke ili finfine rifuzos liveri la tritikon kaj aliajn nutraĵojn al la komisionoj. Tiel estas severa ordonon, por ke ili estu disigataj.

Petroviĉ.

# La katolika apostolado ĉe la maristoj

Ekorganiziĝas nuntempe la katolika apostolado ĉe la maristoj; ĝis nun ja ekzistis precipe naciaj asocioj, sed iliaj gvidantoj spertas la neceson unuiĝi internacie, ĉar la apostola agado ĉe la maristoj estas ja pli malpli internacia.

Tial okazis en Londono, komence de junio lasta, kunveno de delegitoj de la katolikaj asocioj en Britlando, Francujo, Germanujo, Belgujo, Nederlando, Hispanujo, Pollando, Kanado kaj Argentino, sub la prezido de Lia Kardinala Moŝto Bourne. Centra Komitato, kiu estis jam de post unu jaro projektita, estis fine starigita, kaj ĝiaj statutoj estis aprobitaj. La nomo de la Centra Komitato estas latinlingve: « Apostolatus Maris Internationale Concilium », ĉar oni ne ankoraŭ solvis la lingvan demandon. Ankaŭ oni elektis afergvidantan estraron, kies funkcitempo estos trijara; ĝi konsistas el Admiralo Sir Charlton (Angla), prezidanto; Admiralo Dupetit-Thouars (Franca) kaj S-ro Hanrathy (Kanadano), vic-prezidantoj; S-ro Arturo Gannon (Angla), sekretario; S-ro Fairfax (Angla), kasisto; Pastro Omer Rochain (Franca), S-ro Reinhold (Germana), Pastro Quirinus (Nederlanda) kaj Pastro Rockliff (Usona), konsilantoj.

La unua kunveno de tiu afergvidanta estraro okazos fine de septembro en Saint-Brieuc (Francujo), dum la nacia kongreso pri apostolado ĉe la maristoj, organizata de la Federacio de la francaj katolikaj societoj por maristoj. Tiu kongreso estas jam la tria tiuspeca. La antaŭaj plene sukcesis, kaj verŝajne tiu ankaŭ trafos grandan sukceson. Ĝi kaŭzos esperplenan kontakton inter ĉiuj apostoloj ĉe la maristoj.

A. M.

# NIA ORA LIBRO

Plurfoje ni plendis, ke ofte niaj legantoj forgesas propagandi sian gazeton kaj ke kelkafoje ni ne renkontas ĉe la katolikoj la dezirindan apogon por nia entrepreno.

Hodiaŭ ni devas laŭdi publike la agadon de unu el niaj bonaj amikoj kaj fervoraj propagandistoj, nome de Frato Wigbertus van Zon, profesoro ĉe la Kolegio Sankta-Kornelio en Reusel, kaj fame konata en tuta



Frato Wigbertus van Zon

Nederlando pro lia fervoro por la internacia lingvo Esperanto.

Frato Wigbertus van Zon aŭdis niajn ripetitajn alvokojn al varbado kaj li tuj entreprenis grandskale varbagadon. Kaj li sukcesis akiri al nia gazeto 19 novajn abonantojn en malmulte da tempo. Kaj li promesis daŭrigi sian varbagadon, ĉar li opinias, ke nia nepre necesa gazeto devas trovi la financajn rimedojn por vivi kaj kreski.

Sed Frato Wigbertus van Zon pluon faris. Li sciis, ke lasttempe ni suferis financan krizon pro la tro malmultnombra abonantaro nuna. Kaj li fariĝis almozpetanto ĉe la riĉaj katolikoj de Nederlando por nia internacia katolika gazeto. En du aŭ tri semajnoj li rikoltis la sumon da 1.000 guldenoj, t. e. 10.000 francaj frankoj.

Ni tie dankegas lin publike. Ni tutkore dankas ankaŭ la donacintojn Nederlandajn, kiuj tiamaniere ebligis al ni transsalti barantan barieron.

Ni do enskribas en nian oran libron la nomon de Frato Wigbertus van Zon, certe ke li incitos sekvantojn. *Exempla trahunt*, ekzemploj posttrenas, diras latina proverbo.



saltanta grandega akvoradio kaj terura ondegado fermiĝis la ŝakto kaj grandega brueganta akvoturno furiozis en la vasta ĉirkaŭaĵo kaj kaptis la ŝipon.

« Ni tuj pereiĝos! », kriis la ŝipestro kaj liaj helpantoj.

Sed ĉe la direktilo en ĉi tiu momento staris senmove fremdulo, vestite per malnova honorinda kostumo kun subvestaĵo kaj vasta mantelo, kun seriozega respektinda vizaĝo, kun griza barbo kaj fasketo da griza hararo sur la nuda kapo. Entute lumigite de hela brileto, la fremdulo per forta mano tenis la direktilon, streĉis la alian manon kontraŭ la akvoturno kaj gvidite kvazaŭ de nevidebla potenco, veturis la ŝipo sekure kaj facile meze tra la brueganta kaj siblegantaj ondegoj de la akvoturno, ĝis ĝi estis sur alta maro, unu mejlon malproksime de la akvoturno. Tie malaperis la fremdulo kaj sendanĝere kaj rapide oni nun atingis la bordon.

Silente la monaĥoj kaj ŝipistoj suriris la landon. Evidenta miraklo savis ilin. Sankta Petro — neniu alia ol li, la sperta direktisto, estis la fremdulo — estis savinta la ŝipon per sia potenco, verŝajne pro favoro al la nomo de la sonorilo: « Petro-sonorilo ».

La abato aldonis:

« Kaj por instrui nin kontraŭe al Judas, kiu malesperis pri sia savo, ke per vera pento kaj preĝo al la kompato de Dio, laŭ lia propra ekzemplo, ĉiu pekulo povas esti savata el la potenco de la infero, eĉ se li laŭ homa kalkulo jam ŝajnas ne plu savebla. »

« Sen lia helpo ni nenial plu estus liberiĝintaj el la akvoturno », diris la ŝipistoj. La dankon de la savitoj oni ne bezonas priskribi.

La monaĥejo trovis sian pacon; la ventegoj kaj fulmotondroj ree preteriras ĝin, rekte al la maro, kie kuŝas la sonorilo; tie saltas la fulmoj en la akvon, tie krakegas la tondroj en la malsupron. Kaj la akvoturno super tiu malbenita loko — ĝi restis ĝis la hodiaŭa tago, en ĉirkaŭo de pli ol tri mejlojn. Kiun ĝi kaptas, tiun ĝi pli kaj pli tiras en la rondon al la mezo! kie la ŝipo frakasiĝas per furioza danco kaj veturas al la marfundo. Ankoraŭ neniu ŝipo saviĝis, ankoraŭ neniu vivanta estaĵo, kiu venis en la regionon de la akvoturno revenis vivante. Dum kelkaj tempoj, precipe dum la antaŭvespero de la Sankta-Jaŭdo aŭdiĝas terurega sonorado el tiu timiga profundaĵo. Tio venas de la sonorilo; ĝi devas sonori por averti la homojn antaŭ la plej granda krimo, kiu ekzistas: antaŭ la malinda komunio kaj la perfido al la Savanto.

*FINO.*

## Kien iras Hispanujo?

En Hispanujo la okazajoj pli kaj pli malboniĝas de la katolika vidpunkto. La projekto de nacia konstitucio, prezentita al la deputitaro (Cortes), estas senkaŝe kontraŭreligia. Ĝi starigas la tute kompletan laikigon de la Ŝtato, disdetruas la religiajn Ordenojn kaj kongregaciojn kaj ŝtatigas iliajn bienojn kaj tiujn de la Eklezio. Ĝi enkondukas la eksedziĝon, la monopolon de la instruado kaj preparas la iompostioman socialigon de la privata proprajo.

La tuta hispana episkoparo protestis per kolektiva letero, datumita de la 10 aŭgusto, kontraŭ tiu projekto verkita de la framasonaro, kaj kiu, se ĝi estas voĉdonita, kreos tre gravan situacion religian kaj verŝajne kaŭzos enlandan militon en Hispanujo.

Estas nun kontraŭreligia persekutado en Hispanujo. Oni povas tion dedukti tutcerte el la kelkaj informoj, kiuj transpasas la landlimojn malgraŭ la atento de la polico.

La katolika pioniro Johano de Olazabal, sesdekok-jara, estis arestita, pro tio, ke li publikigis, en jurnalo de San Sebastián: *La Constancia*, artikolon titolitan: « Los nuevos Dioclecianos : La novaj Dioklecianoj ». Li estis monpunita je 500 pesetoj.

Cetere la libereco de la gazetaro ne plu ekzistas, almenaŭ por la katolikaj jurnaloj, ĉar la komunistaj kaj sovetaj povas ĉion publikigi kaj akre ataki la registaron pro ĝia konservativeco (!). La plua elirado de multaj gazetoj estis de la registaro malpermesita, ekzemple de la katolikaj gazetoj *La Constancia, El Dia, Easo*, de San Sebastián; *La Gaceta del Norte, Euzkadi, La Tarde* kaj *Adelante*, de Bilbao; *La Tradición de Navarra, El Pensamiento Navarro, El Diario de Navarra, La Eiperaena*, de Pamplona.

Kompreneble la Hispanaj katolikoj protestas ĉiuforte: Ili amase manifestadas por konservi kaj defendi sian religion. Malgraŭ malpermeso de la registaro okazis, la 6 septembro, en la ĉefsanktejo de Kovadonga, protestkunveno, en kiu partoprenis miloj da viroj.

Sed tio ne plaĉas al la sekta registaro. Nuntempe, kiam ni verkas tiun artikolon, ok mil soldatoj ĉiuspecaj, kun aeroplanoj kaj batalŝipoj, trairas la regionon Vasko-Navarro, por timigi la katolikan movadon kaj disvastigi ankaŭ la informon pri ribelo de la katolikoj kontraŭ la respublika reĝimo. Tiamaniere la registaro esperas trompi la Vatikanon kaj sukcesi ke la Papo ordonu al la hispana katolikaro apogi ĉiel la respublikan nunan registaron. Tiucele jam okazis interparolado inter la registaro kaj la nuncio en Madrid.

Antaŭ tiaj okazajoj la devo de la katolika gazetaro tutmonda estas energie kaj laŭte protesti kontraŭ tia abomeninda atenco al la homrajtoj.

XXX.

## Influo de la religia instruado en la Franca Ekvatora Afriko

Oni skribis el Brazzaville al la Pres-Agentejo *Fides*, ke la lernantkvantoj de la katolikaj lernejoj estas pli grandaj ol tiuj de la publikaj ŝtataj lernejoj: 7.329 gelernantoj en la katolikaj kontraŭ 3.372 en la ŝtataj lernejoj. Tiu simpla komparo de ciferoj elokvente diras la influon de la katolikaj misiistoj kaj la konfidon de la indiĝenaj enloĝantaroj en ilia edukado. La misiistoj prizorgis la edukadon de la ĉefaj familioj indiĝenaj, kaj la plimulto de la junuloj, kiuj okupas oficon en la koloniejo, ĉu en komerco, ĉu en industrio, ĉu en administracio, estas iliaj antaŭaj lernantoj.

« La misiistoj, diris S-ro Leono Archambaud, en sia raporto pri la buĝeto kolonia (1930), kiuj longatempe loĝas en la lando, senĉese kontaktiĝas kun la indiĝenaj familioj kaj tiele havas per ilia instruado grandan daŭrigon en la agado. Cetere ili estas en la koloniejo de post ĝia fondiĝo; ĉu Msro Augouard ne estis kunlaboranto de Brazza? »

Tiu bela laŭdo al la misiistoj pravigas unu fojon plue la civilizaciigan verkon de la Evangelio.

***Kiam vi petas de ni respondon, aldonu vi respondkuponon. Tio ne estas granda elspezo por vi, sed tio ŝparos multe da mono al ni. Dankon!***

## La 31-a Internacia Eŭkaristia Kongreso en Dublin (Irlando)

La Loka Organiza Komitato aktive nun preparas tiun grandan Eŭkaristian manifestadon, por ke ĝi estu vere religia kaj adora kulto al Jesuo en la Sanktega Sakramento de la Altaro. Oni jam scias, ke tiu kongreso okazos en Dublin (Irlando) la 12-26 junio 1932.

**Esperantlingva sekcio**

En ĉiu Internacia Eŭkaristia Kongreso estas organizataj nacilingvaj sekcioj. La Loka Organiza Komitato volonte organizos Esperantlingvan sekcion, se ĝi estus certa, ke ĉeestos sufiĉe multaj esperantistoj, por ke tiu sekcio ne estu ridinda. Ni do petas niajn legantojn, kiuj intencas ĉeesti la Internacian Eŭkaristian Kongreson en Dublin, tuj sciigi sian intencon al S-ro H. MacNeill Macauley, sekretario de la Irlanda Ligo de Katolikaj Esperantistoj, 1, Wellington Quay, en Dublin, C. 4 (Irlando).

**La preĝo por la sukceso de la kongreso**

Oni sendis al ni la esperantlingvan tekston de la preĝo por la sukceso de la kongreso;



SANKTA KOLUMBANO
KRUCMILITIRAS TRA LA JARCENTOJ

ĝin tradukis Pastro P. Parker. Ni volonte enpresas ĝin en *Katolika Vivo*, kaj ni bondeziras, ke multaj el niaj legantoj pie ĝin recitu.

« Ho! Jesuo, ni kredas ke Vi vere, efektive kaj esenĉe ĉeestas en la Sankta Sakramento. Ĉiutage Vi Vin denove oferadas en la adorinda Sakrifiko de la Meso por nia sanktigo kaj savo. En la Sankta Komunio Vi Vin donas kiel nutrajo por niaj animoj. Loĝante ĉe ni, Vi estas nia ĉiamfluanta fonto de konsolo kaj forto en tiu ĉi valo de larmoj.

Bonvolu beni kaj sukcesplenigi la venontan Eŭkaristian Kongreson. Ĝi intensigu, en la spiritoj kaj koroj de nia popolo, la konon de kaj la amon al la dia Sakramento de la Altaro. Ĝi malproksimigu de nia rondo la mondemaĉon kaj ĝian akompanantan malbonon. Ĝia bonkora influo disvastiĝu tra nia amata Patrujo kaj tra la tuta mondo.

Ekflamigu, ho Jesuo! en ĉiuj koroj amon al la sankta Meso kaj al Via Sakramenta Ĉeestado. Donacu, ni petas, ke ofta, eĉ ĉiutaga, komunio estu kutima en la nacìaro. Donacu, ke Via Sankta Koro ĉie regadu la societon.

Sankta-Koro de Jesuo, benu la Kongreson.

Nia-Sinjorino de la Sankta Sakramento, preĝu por ni.

Sankta Josefo, patrono de la Universala Eklezio, preĝu por ni.

Sankta Paskalo Bajlon, patrono de la Eŭkaristiaj Kongresoj, preĝu por ni.

Sankta Patriko, Sankta Laŭrenzo O'Tecle (O-Tul) kaj vi, ĉiuj irlandaj sanktuloj, preĝu por ni. »



*Kun la permeso de la eklezjaj aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*): Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14ᵉ. - Gob. 62-71

## EL LA VATIKANA URBO

**La nova pinakoteko vatikana**

La Papa Moŝto Pio XI-a, akompanata de lia sekreta ĉambristo, Msro Confalonieri, vizitis, dimanĉon 16 aŭgusto, la novan pinakotekon vatikanan. Ĉe la sojlo li estis akceptita de direktoro de la galerioj de la papaj palacoj kaj de Kardinalo Pacelli, ŝtata sekretario. La vizito daŭris unu horon. La Sankta-Patro esprimis sian kontentigon pro la sukcesa konstruado de la nova pinakoteko, kies projekton oni dankas al la arĥitekturisto Senatano Beltrami.

Tiu nova konstruaĵo havas areon da 2.600 kvadrataj metroj. Ĝi konsistas el kvin partoj kunigitaj laŭ formo de la litero E; ĝi estas 110 metrojn longa kaj 18 metrojn alta.

La fasadoj de la konstruajo estas ornamitaj per dekoraciajoj el kuirita tero kaj el mosaiko. La unuaj salonoj estas distinitaj por havi la praajn pentrajojn, la verkojn de la Firenza pentristo Giotto kaj de la pentristoj de la komenco de la XV-a jarcento. Speciale unu ĉambro estos ekskluzive dediĉata al la verkoj de Melozzo de Forli.

Alia granda salono enhavos la pentrajojn de la XVII-a kaj XVIII-a jarcentoj. Granda ĉambrego estos dediĉata al la verkoj de Rafaelo kaj enhavos la famajn tapiŝojn, kiuj nun estas en la ĉambro nomita de Rafaelo. Alia ĉambro fine estos destinata al la verkoj de Leonardo de Vinci.

La interna dekoracio, kiun oni nuntempe faras, estos verŝajne finita dum oktobro kaj tiam oni povos komenci la transporton de la pentrajoj de la malnova al la nova pinakoteko.

Oni pensas, ke la nova pinakoteko estos sendube inaŭgurata en venonta majo.

**La plivastigo de la vatikana biblioteko**

Oni nun laboras ankaŭ al la plivastigo de la vatikana biblioteko, sub la lerta gvidado de Msro Tisserant, pro-prefekto. Pio XI-a vizitis, dimanĉon la 30 aŭgusto, la laborojn. Li eniris tra la pordo de la mozaikoj, tiel nomata, ĉar antaŭe ĝi havigis enirejon al la lern-fabrikejo de mozaikoj, kiu nuntempe estas alien translokigita.

Parto de la vatikana biblioteko estos ja aranĝata en la vastaj lokoj de la antaŭa mozaik-lernejo. Oni pensas kolekti tien 40.000 volumojn kaj ankaŭ meti la kolekton de papaj medaloj; tie estos ankaŭ la geografia salono.

Pro la novaj aranĝoj estis malobstrukciitaj fenestroj, kiuj donas vidon sur la korto de la Belvidejo. Kaj tio multe pli bonigis la aspekton de tiu korto.

La Papo detale ekzamenis la novajn lokojn kaj aprobis la planojn prezentitajn al li de Msro Tisserant. Poste Pio XI-a vizitis la skulptan muzeon por rigardi la elmarmoran pavimaron tute renovigitan en la oklatera korto.

PETRANO.

## Vizito de la nova apostola delegito en Japanujo

La unua oficiala vizito de la nova apostola delegito, L. E. Msro Eduardo Mooney, estis por la eparĥio de Nagasaki. Lia Ekscelenco estis akceptita de Msro Januaro Hoyasaka, episkopo de Nagasaki kaj unua japana episkopo.

La kvar tagoj pasitaj de la apostola delegito en tiu eparĥio estis entuziasmaj tagoj por la katolikoj, kaj Lia Ekscelenco estis agrable tuŝita per la fervoro de tiu grava grupo de katolikoj. La du trionoj de la katolikoj de Japanujo troviĝas en tiu eparĥio aŭ en ĝiaj proksimaj ĉirkaŭajoj. Plejparte ili estas la posteuloj de tiuj katolikoj, kiuj, dum pli ol 200 jaroj, sekrete gardis la katolikan religion, post la granda persekutado, kiu, onidire, estis ilin ĉiuj ekstermitaj.

La dimanĉon, la apostola delegito celebris la meson en Urakani antaŭ 6.000 katolikoj.

Msro Mooney forlasis Nagasaki por viziti la Kanadajn Franciskojn en Kagoshima.

*(Presagentejo « Fides ».)*





# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia




## La Sankta-Seĝo kaj la dato de Pasko

Periode oni reparolas pri la reformo de la kalendaro kaj pri la dato de Pasko fiksota ĉiujare saman tagon. Tiuj ambaŭ demandoj estas studataj de speciala komisiono de la Societo de Nacioj, kiu ĝuste pensis, peti la opinion de la religiaj aŭtoritatoj. Malĝustaj informoj pri la respondo de la Sankta-Seĝo estis antaŭ mallonge publikitaj diversloke. Tial ni pensas, ke estu bone, se ni havigu al niaj legantoj fidindajn precizojn.

Unue oni devas apartigi la ambaŭ demandojn: tiu pri fikso de la dato de Pasko kaj tiu de la kalendar-reformo.

Pri la unua la Sankta-Seĝo, pere de la Papa Nuncio en Berne, respondis peton de la konsulta komisiono teknika de la Societo de Nacioj, kaj deklaris, ke eventuala ŝanĝo de la Paskfesto, kvankam ĝi ne renkontos dogman baron, alkondukos tamen al forlaso de tradicioj forte enradikataj, kiujn oni ne rajtas forjeti sen gravaj motivoj de universala intereso.

Poste la Sankta-Seĝo deklaris, ke ĝi ne vidis iun ajn sufiĉan motivon por ŝanĝi la konstantan agmanieron de la Eklezio, agmanieron transdonitan de tradicio sankciita de multaj koncilioj antikvaj. Konsekvence la Sankta-Seĝo konkludis, ke se pruvite estus, ke la ĝenerala komforto postulus iun ŝanĝon en tiu tradicio pri la Pakfesto, ĝi ne povus konsideri tiun reformon antaŭ ol peti kaj esti ricevinta favoran voĉdonon de ekumenika koncilio.

Tia estis la respondo de la Sankta-Seĝo. Siaflanke la Patriarko de Konstantinopolo respondis, ke la Grekrita Ortodoksa Eklezio estas preta sin montri favora al la fikso de la Paskfesto, tamen se okazos pri tio konsento inter la kristanaj Eklezioj. La Anglikana Eklezio rekonis, ke ne ekzistas dogma malfacilaĵo, kaj petis la aliĝon de ĉiuj aliaj kristanaj komunumoj. La federacia konsilantaro de la protestantaj eklezioj de Usono, la Komitato de la evangeliaj eklezioj de Germanujo, la federacia konsilantaro de la protestantaj eklezioj de Svislando sin montris favoraj al la reformo kaj sin deklaris pretaj ĝin efektivigi. Tiuj respondoj estis senditaj al la Societo de Nacioj, pere de la riprezentantoj de 82 eklezioj aŭ federacioj de protestantaj eklezioj.

Kiel oni vidas — kaj kiel cetere tion rekonis la organoj de la Societo de Nacioj — por respondi la sentojn de la Sankta-Seĝo, estas necese, ke la Societo de Nacioj malfermu enketon, kiu provos, ke vere la fikso de la dato de Pasko estas postulata per la ĝenerala komforto.

Pri la alia demando, t. e. pri la kalendarreformo, la Sankta-Seĝo juĝas, ke ĝi ne havas karakteron tiel religia kiel tiu pri la dato de Pasko. Tamen ĝi opinias, ke la tempo ne estas ankoraŭ alveninta por realigi tiun reformon.

ARGUS.

## Konstanta progreso de la Benediktanoj

La kvinjara katalogo de la Benediktanoj lasttempe eldonita konigas la nunan staton de la Benediktana Ordeno en 1930. De post 1925, la nombro de la religiuloj pligrandiĝis de 8.170 ĝis 9.070. En 1880, la Benediktanoj estis nur 2.765; dudek-kvin jaroj poste oni jam kalkulis 5.940 monaĥojn; en 1910, ili estis 6.457 kaj 7.038 en 1920.

Krom la Kardinaloj Séredi, primato de Hungarujo, kaj Schuster, ĉefepiskopo de Milano, la Benediktana Ordeno kalkulas 5 ĉefepiskopojn (Msro Bilsborrow mortis la 29 junio lasta), 11 episkopojn, 12 abatojn *nullius* kaj 3 apostolajn prefektojn.

La Benediktaninoj estas nuntempe 14.711 (12.982 en 1925); ilia nombro duobliĝis de post dudek-kvin jaroj.

## La centjara datreveno de la fondiĝo de la Siro-Karmela kongregacio en Malabar (Sud-Hindujo)

La jaro 1931 estas karmemora en la eklezihistorio de Malabar. Ĉar tiam kompletiĝas cent jaroj de post la fondo de la Siro-Karmela Kongregacio por indiĝenaj pastroj. Oni memoras, ke la kongregacio estas unu-nura en tuta Hindujo por enlandaj pastroj, kies fondintoj estis Pastro Tomaso Palakel kaj Pastro Tomaso Porukara. La du pastroj piaj, fervoraj kaj asketaj, kunmetis siajn ideojn por plibonigi la spiritstaton de la pastroj kaj fideluloj de Malabar. La du fondontoj kiuj oni faris en diversaj monaĥejoj de la Kongregacio; la nunaj pastroj maljunaj karmemore atestas la profiton. Sed de post la ekesto de la Papa Seminario ĉe Puthenpally, tiaj seminariejoj monaĥaj transfariĝis altlernejoj kaj mezgrad-lernejoj kune kun edukpensionoj, prizorgante la edukevoluon mensan, moralan kaj korpan de la knaboj.

Unu de la porekleziaj verkoj faritaj de la Kongregacio estis ĝia senlaca klopodo respondi la skismajn atakojn. Mondfamaj estas



LA SIRO-KARMELA MONAĤEJO EN MANNANAM (SUD-HINDUJO)

estis jam sekretarioj de la ĉefespiskopo de Verapoly, koniginte tian deziron kaj proponon pordia al Lia Moŝto, ricevis lian benon, alkuraĝigon kaj helpon por la nobla verkentreprenota. La pastroj siavice post baldaŭa serĉado por la loko de la estonta monaĥejo, eltrovis monteton senhoman, kie fundamenton ili metis por la preĝejo kaj monaĥejo ĉe Mannanam, honore al sankta Josefo, la 11 majo 1831. Tia estis la origino de kiu evoluis la nuntempa preĝejo, monaĥejo, altlernejo, ĵurnalpresejo, ktp., ĉe Mannanam. Sed de tempo al tempo kreskis aliaj monaĥejoj similaj en diversaj lokoj de Malabar kalkulante en tute 13 ĉefajn kaj 6 sub-monaĥejojn apartenantajn al la sama kongregacio, enhavante 133 monaĥajn pastrojn, 129 studentojn kaj novulojn, 52 fratojn kaj 83 aspirantajn knabojn.

Unu helpanto de la fondintoj de la Kongregacio estis Pastro Prioro Ciriako Elio, kiu gvidis ĝin longtempe kaj aldonis spiriton kaj formon al la religia kongregacio. La profito defluinta al Malabar dum la pasinta jarcento de la Karmela Kongregacio religia estis granda, multnombra kaj diversspeca, kaj senhezite oni ĝin elparolas kaj Malabar dankeme memoras. Spirita ekzercado estas la ĉefa temo de la kongregaci-programo. Teologie, lertaj pastroj, anim-save fervoraj, irinte de preĝejo al preĝejo kaj grupigante la fidelulojn, predikis spiritan ekzercon kaj disdonis la sakramentojn. Rezulte la kredo kaj moralo de la popolo pli kaj pli kreskis. La predikojn de la religiuloj ne nur la katolika popolamaso aŭskultis, sed ankaŭ la paganoj multe ŝatas ilin. Nekatolikoj, eĉ paganoj, volonte atendis la spiritan ekzercitempon kaj predikon atentis kaj estimis tiome kaj fruktdone, ke eĉ inter paganoj la ŝtelistoj redonis la forrabaĵon al maljustan posedaĵon. La ĉefepiskopo de Verapoly dum longa tempo sukcesplene allasis direktadon por la religia instruado kaj morala vivo de la popolamaso sub komitato konsistanta el 5 religiuloj presbiteraj en ĉiu distrikto. Antaŭ la organizado de la Papa Seminario ĉe Puthenpally, la seminarian kaj presbiterigan edukadon, spiritan kaj sciencan la skismoj de la episkopoj Rokos kaj Melus. Pro naciema spirito multnombraj katolikoj deflankiĝis al la skismaj episkopoj kaj erare foririntaj estis el la obeo de la Katolika Eklezio. Tiam Pastro Ciriako estis komisiita de la ĉefepiskopo por kontraŭstari la skismajn atakojn kaj refutante konfuzi ilin. Sukcesplene la honorinda pastro faris sian devon, tiome ke Malabar ĉiam estus dankema pri tio al la Kongregacio. Lia Papa Moŝto, Pio IX-a, sciinte la servon honorplenan al Katolikismo, propramane skribitan gratulleteron alsendis al la Kongregacio. Alia senbrua sed meritthavanta verko de la Kongregacio estas la religi-propagando inter la paganoj. Kiam oni ekaŭdus, ke 25.000 paganojn la Kongregacio konvertigis, la altestimo de la verko sin klarigus. Fine kelkajn vortojn pri la preseldonado. Preskaŭ ĉiuj libroj piaj kaj spiritaj — inter kiuj la « Nithia Arathana » meritas apartan mencion — nacilingve eldonitaj en Malabar eliris el la preseldonejo de la Kongregacio. La unu nura katolika ĵurnalo ĉiutaga *Nazrani Dipika*, nacilingve verkata, ankaŭ apartenas al la supre nomita grupo.

Le Ĝenerala Superulo nuntempa estas Pastro Johano Berkmanso, ano de la Kongregacio. La Ĝenerala Superulo kune kun kvar konsildonantaj pastroj formas la « Definitorio » aŭ la regilo. Okaze de la cenjara jubileo feliĉa, Lia Papa Moŝto Pio XI-a bonvolis alsendi la apostolan benon, aldonante plenan indulgencon *toties quoties* al la monaĥoj kaj fideluloj vizitantaj la preĝejon. Ĉiokaze ni turnu al Dio laŭdhimne *Te Deum* kune kun la Siro-Karmela Kongregacio jubileanta.

HENRY JOSEF, *presbitero karmelana.*

## La katolika gazetaro kaj la nia

La anglalingva ĵurnalo *The Catholic News*, el Port-of-Spain (Trinidad-Antiloj), anoncis, en sia numero de la 8 aŭgusto lasta, la aperon de nia organo de internacia katolika agado. Dankon.

## Nepre atentu vi, ni petas

Multaj el niaj ŝatataj legantoj devos baldaŭ repagi sian abonkotizon, t. e. fine de septembro. Ni sendos al ĉi tiuj averton specialan, kiu sciigos al ili kiamaniere ili povas repagi la abonkotizon. Sed jam nun ni petegas ĉiujn akurate tuj repagi. Estas necese, ke la administracio de la gazeto bone funkciu, kaj tio plejparte dependas de vi mem.

Ni estos tre dankemaj al niaj nunaj abonantoj, kiuj profitos la jarfinon por varbi novajn abonantojn al nia gazeto. Nepre estas, ke ni akiru multajn novajn. Kaj estus dezirinde, ke ĉiu nuna abonanto, repagante sian abonkotizon, sendu samtempe novan abonon.

Ni ankaŭ akceptos dankeme donacojn por nia propagando, aŭ por senpage liveri nian gazeton al malriĉaj esperantistoj. Estas ja multaj tiaj, kiuj pro la financa krizo, ne plu povas ricevi la gazeton, ĉar ili ne povas pagi la abonkotizon, kaj kiuj tamen multe dezirus ĝin legi. Monposedantoj, pensu pri malpli riĉuloj ol vi. Dio vin rekompencos!

★

Denove kajespereble lastfoje ni rediras, ke nia adreso estas nun: 10, rue Pergolèse, Paris-XVI. Nenion sendu al la antaŭa adreso, ĉar via korespondaĵo ne trafos nian administracion aŭ redakcion. Ni speciale atentigas la redakciojn de esperantistaj gazetoj, kiuj obstine sendas ekzemplerojn al la antaŭa adreso. Verŝajne ili ne legas la gazetojn de ili interŝanĝe ricevitajn.

Adresu ĉion: Katolika Vivo, 10, rue Pergolèse, Paris-XVI, krom la poŝtmandatoj aŭ bankĉekoj (ĉiam pageblaj en Parizo), kiuj devas surhavi la nomon de Pastro Georges Ramboux.

## Multampleksa organizaĵo de Katolika Teatro

Ekzistas en Aŭstrujo teatra rondo, kiu elektis la nomon: « Spiellente Gottes ». Ĝi estas koninda ĉu pro ĝia programo, ĉu pro la jam de ĝi trafitaj sukcesoj. Lasttempe ĝi okazigis sian milan reprezentadon. Ĝiaj komencoj datumas de la jaro 1920.

Aro de katolikaj verkistoj, anoj de la Ligo de la kristanaj publikigistoj, unue starigis rondon, kiu ekokazigis reprezentajojn en apartaj lokoj, kaj poste en specialaj vesperoj en la grandaj teatroj de Wien. Ne bezonas insisti pri la kvalito unuklasa de ĝiaj elementoj. La unuaj deklamoj estis elĉerpitaj el antikvaj dramoj kaj el la « misteroj » de la Mez-epoko. Sed, en 1925, riĉa industriisto, S-ro Johano Zucherl, finance ekhelpis la rondon. Tiu malavareco ebligis al ĝi la reprezenton de la « Autos sacramentales » de Calderon, laŭ mallongigo aranĝita de Wien'a poeto Kralik. La reprezentado okazis sur la placoj antaŭ la preĝejoj, tiamaniere ke estis uzata la fasado de tiuj konstruaĵoj kiel fundo; ili okazis ankaŭ antaŭ publikaj monumentoj, ekzemple antaŭ urbdomoj. Al tiuj klasikaj produktaĵoj estis aldonitaj dramoj speciale verkitaj, kies herooj devenis el malnovaj teatraĵoj kaj estis adaptitaj je la diversaj cirkonstancoj de la liturgia jaro.

La ekzemplon de Wien oni sekvis en Praha, Budapest, Warszawa, Köln. Nuntempe la Rondo de la Artistoj de Dio enkalkulas 250 aktorojn. Ili inspiriĝas je la Kunfratoroj de la Pasio, kaj la popolo, al kiu ili dediĉas siajn produktaĵojn, ne estas tiu de la dandoj; ili havigas tute popularan teatraĵon. Ilia repertuaro enhavas nun 150 teatraĵojn.

La prezidanto de la Ligo, la poeto Aŭgusto Lux, estis verkinta, okaze de la mila reprezentado, religian dramon, kies titolo estas: « La universala juĝado de Satano ». Ĝi estis ludita antaŭ 3.000 rigardantoj.

O. K.